

# juna amiko

## NE TOLERU RASAN DISKRIMINACION!

FOTO DE SVEN ERIK SJÖBERG (SVEDO)

INTERNACIA LERNEJA ESPERANTO-REVUO

SUB AŬSPICIO DE ILEI

JANUARO 1975 ★ 2-A JARO N-ro 2 (5)

# Letero post la Internacia Tendara Lernejo Primoŝten – 74



*Kara Katarina!*

*Antaŭ tri jaroj, kiam mi estis 10-jara, nia instruistino demandis en la klaso, ĉu ni dezirus lerni Esperanton? Ni ne povis respondi al ŝi, sed la gepatroj, feliĉe, diris: „jes". Oni menciis, ke tio estos eksperimenta*[1] *instruado. Dum tri jaroj, mi kaj miaj sam'klas'anoj korespondis kun bulgaraj, jugoslavaj kaj italaj infanoj.*

*Ĉi-somere, okazis la fino de la eksperimento en la duon'insulo* Primoŝten, *en Jugoslavio. Ho, kiel agrabla estis tio! Mi neniam forgesos ĝin!*

*Ni loĝis en tendaro. La distanco inter la unua tendo kaj la maro estis nur 10 metroj. Ĉiu-tage, ni havis eblecon baniĝi. Foje, ni faris ekskurson al la akvo-falo* Krk, *kaj al la pinto de la monteto* Azeno[2], *de kie ni admiris*[3] *la sen-limon de la maro, kaj la variecon*[4] *de la insuletoj kaj de la bordo. Ili ŝajnis al mi kulisoj*[5] *en teatro. En alia tago, ni veturis per ŝipo al la Sepa Kontinento. Ĝi estas belega insulo, kiun la urb'estr'aro de* Ŝibenik *donacis al la infanoj de ĉiuj landoj. Post kelkaj jaroj, ĝi havos ĉion necesan por agrable tendumi tie.*

*Ni ne nur amuziĝis en Primoŝten. Antaŭ-tag'meze ni vizitadis la lernejon de la vilaĝo. La klasoj konsistis el divers'naciaj infanoj. Mi sidis kune kun mia itala korespond'amiko. La instruistoj, kiuj ankaŭ estis diversnaciaj, instruis al ni en Esperanto, Tie, en tiu plur'nacia tendaro, mi eksentis, kion signifas la vorto „internacia".*

*Mi petas vin, Katarina, lernu diligente Esperanton; kaj ĝoju, ke vi povas esti esperantisto!*

*Kore salutas vin via hungara amikino*

*Judit Adorján*

1. eksperimento: scienca provo/ 2. ŝarĝ'besto kun longaj oreloj/ 3. sentis entuziasmon rigardante ion/ 4. agrabla plaĉa mal-sameco/ 5. grandaj teatraj tol'pentraĵoj.



# KANTU!

## *L. L. Zamenhof*

ABC POR KOMENCANTOJ

La 15-an de decembro 1974 pasis la 115-a dat'reveno de la nasko-tago de d-ro L. L. Zamenhof. Por memori lin, ni prezentas, el lia plumo, la faman poemon „Ho, mia kor'". Ĝi aperis unua-foje en lia „Unua Libro" (1887), kune kun la unua Esperanto-gramatiko kaj Esperanto-vortaro.

## HO, MIA KOR'

Versoj de *L. L. Zamenhof* Muziko: *V. Heimlich* (:hajmliĥ)



# ŜTELISTO DE OMBRO[1]

Teatraĵo laŭ *F. Heves* (:heveŝ)

*Roluloj:* Hasano, riĉa komercisto *(H)*
Abu Balam, malriĉa tag'laboristo *(A)*
Kadio[2] *(K)*
Servistoj de la kadio *(S-oj)*

*Scenejo:* La oficejo de la kadio en Bagdado.

K *(kun sia vizaĝo al la publiko, li sidas sur seĝeto kovrita per tapiŝo. Dekstre de li, staras H; maldekstre: A. — Post leviĝo de la kurteno[3], la kadio mediteme[4] rigardas antaŭ si. Fine, li ek-parolas):* Prezentu vian plendon[5]! Vi havas la parolon, komercisto Hasano.

H *(mez'aĝa diketa viro, en riĉa orienta vestaĵo. Mallonga nigra barbo[6] kadras lian vizaĝon):* Bonvolu esti juĝanto inter ni, ho respektinda[7] kadio! Mi esperas, ke vi el-diros ekzemplo-donan verdikton[8]. Vi estas ja la plej saĝa kadio en Bagdado.

K: Pri kio vi plendas?

*H:* Vi scias, ho respektinda saĝulo, ke mia frukto-ĝardeno troviĝas en la antaŭ-urbo de Bagdado. En la ĝardeno pompas[9] 33 daktilo-palmoj[10], 77 fig'arboj[10] kaj 99 granat'arboj[10]. Ili ĉiuj donas miel'dolĉajn fruktojn.

K *(jesas per kapo-movo):* jes, mi scias, Hasano.

H: En ĉiu tago, sen esceptoj[11], mi iras en mian ĝardenon, por kontroli, ĉu iuj mal-ben'ind'uloj[12] ne ŝtelis fruktojn... Nu, hodiaŭ antaŭ-tag'meze, kiam mi venis al la barilo de la ĝardeno, mi kaptis ĉi tiun ulon *(li montras al A)*, kiu dormis ĉe la barilo, en la ombro de mia daktilopalmo, kies branĉoj sin etendas eksteren. Li dormis,



kvazaŭ li dormus en la ombro de sia propra arbo...

*K (al A):* Ĉu fakte okazis tiel?

*A (pli juna ol H, maldika, en tre malriĉa vestaĵo):* Jes, okazis tiel, respektinda kadio. *(Li respekt'plene klinas*[13] *sin.)*

*K (al H):* Kaj... pri kio vi akuzas[14] lin?

*H (kun granda indigno*[15]*):* Pri kio?! La arbo apartenas al mi; al mi apartenas do ankaŭ ĝia ombro! Sekve, mi havas la rajton postuli pagon kontraŭ la freŝiga ombro de mia frukt'arbo... Mi postulis, de li, nur unu drakmon[16] por lia plezuro en la ombro; sed tiu ĉi sentaŭga mallaborulo ne volas pagi eĉ tian malgrandan sumon.

*K:* Ĉu tio estas vera, Abu Balam? Ĉu vi ripozis en la ombro de arbo, kaj ne volas pagi eĉ unu arĝentan[17] moneron al sinjoro Hasano?

*A:* Pardonu, kadia moŝto[18]! Mi ne havas monon. Mi estas malriĉa homo: po-taga laboristo. Mi venis el mia malproksima vilaĝo, por trovi laboron en Bagdado. Mia familio malsatas hejme... Krom tio, mi opinias ne-justa[19] devi pagi por ombro. Mi multe laciĝis, dumvoje. La suno de Alaho[20] bruligis, kaj mi devis ek-ripozi en la unue trovita ombra loko.

*H:* Ne kredu al li, ho nobla kadio! Per mia kredo al Alaho, tiu sentaŭgulo mensogas[21]. Kaj se,



fakte, li ne havas monon, punu lin per korpa puno. Li estas ŝtelisto, kaj tia homo meritas ekzemplo-donan punon!

*K:* Ĉu vi aŭdis, Abu Balam? Vi estas ombro-ŝtelisto; kaj ŝtelisto meritas punon.

*A:* Ho, respektinda kadio! Mi havas nenian monon. Mi ne povas pagi...

*K (kun-frapas la manojn, dufoje).*

*S-oj (en-paŝas. Unu de dekstre, la alia de maldekstre. Sub la zonoj troviĝas kurba orienta glavo*[22]*. Ili sin klinas antaŭ la kadio.)*

*K (montrante al A):* Prenu ĉi tiun ombroŝteliston, kaj konduku lin en la korton! Ligu lin al punkolono, kaj punu lin per dudek fortaj baston'batoj!

*H (videble estas kontenta. Li klinas sin, kun vizaĝo malice*[23] *ridetanta):* Viaj vortoj estas justaj! Vere vi estas la plej saĝa kadio en la mondo.

*A (kun malespero):* Kompatu[24] vian povran[25] servanton, kadia moŝto! Mi ne estas kulpa!

*S-oj (kaptas la taglaboriston, kaj ek-iras.)*

*K:* Atendu!... Punu lin per dudek batoj *(al la komercisto)* — ombron por ombro! — *(al la servistoj)*... sur la ombron de la ombroŝtelisto.

*S-oj (klinas sin, ridetante):* Ni komprenas, ho nobla kadio. Ĉio estos laŭ via volo.

*H (aŭdinte la ĉi-lastajn vortojn, ŝanĝas la tonon*[26] *de sia voĉo):* Ve[27] al mi, nobla-kora kadio! Forfalis, de mi, la justa pago... Kia damaĝo[28], kia perdo!

*K (ek-staras):* Nenia perdo vin trafos, komercisto. Vi devus pagi, por la proceso[29], tri drakmojn; sed mi grand'anime subtrahas[30] unu dramon. Vi do devas pagi *nur* du arĝentajn monerojn.

*Kurteno*

Tradukis: *G. Kurucz* (:kuruc)

1. pli-malpli plena manko de lumo, kiu ek-estas pro korpo kovranta la lum'fonton/ 2. ŝtat'oficisto, juĝisto ĉe kelkaj Sud-Aziaj popoloj/ 3. granda tuko, kiu dis-igas la publikon dis-de la roluloj en teatro/ 4. mediti: profunde pensi/ 5. vortoj, kiuj esprimas malkontenton/ 6. vizaĝo-haroj/ 7. estiminda pro meritoj/ 8. juĝista decido pri kulpeco kaj puno/ 9. estas belega plaĉa pro/ 10. frukt'arboj de varma ter'zono/ 11. io, kion oni apartigas de la ceteraj aferoj/ 12. beni: deziri al iu la helpon de Dio/ 13. faras ion rektan ne-rekta, kurba/ 14. nomas iun kulpa pri io/ 15. kolera sento pro ia mis-ago/ 16. mon'unuo/ 17. arĝento: valora peza kaj blanka metalo (Ag)/ 18. respekto-plena al-parolo al alt'rangulo/ 19. justa: egale respektanta la rajtojn de aliaj homoj; ver'ama/ 20. Dio de mahometanoj/ 21. diras malveron/ 22. longa kaj tranĉa batalilo/ 23. kun kaŝita malestimo/ 24. pardonu, havu kun-senton/ 25. kompatinda, malriĉa/ 26. son'koloro/ 27. ekkrio pro doloro/ 28. perdo pro difektiĝo/ 29. juĝ'afero/ 30. de-prenas de nombro.

# MAL SPERTA AZENO[1]



HINDA FABELO

En malluma nokto, dum iu riĉulo dormis en sia domo, ŝtelisto aperis en la korto. Azeno kaj hundo estis ligitaj antaŭ la en-ir'ejo de la domo. La azeno sin turnis al la hundo, kaj diris:

„Kial vi ne bojas, por veki la mastron?"

„Kial vi ŝovas la nazon en fremdan vazon?" respondis la hundo. „Vi scias, ke mi ĉiam, tage kaj nokte, atente gardas la domon, por ke la mastro povu esti trankvila. Tamen, li ofte forgesas doni al mi ion por manĝi. Mastro, kiu supozas[2] neniun danĝera, kaj nenion malutila, malmulte zorgas pri siaj servistoj."

Tia respondo igis la azenon kolera.

„Ĉu vi estas bona servisto kaj honesta gardisto de la mastro? Jen, li troviĝas en danĝero, kaj vi pensas nur pri vi mem! Vi estas malhonest'ulo kaj fi-ulo!"

„Kaj... ĉu bona estas tiu mastro, kiu aprezas[3] sian serviston nur en tempo de danĝero kaj bezono? Ne! Li estas sen-danka!" murmuris la hundo.

Ĉe tio, la azeno plie koleriĝis; kaj ĝi komencis laŭte bleki, por veki la mastron.

La timigita[4] ŝtelisto rapide forkuris; kaj la mastro, kiu el-iris (kaj vidis nenion ekster-ordinaran), batis la azenon per bastono, tial ke ĝi vekis lin el trankvila dormo.

Moralaĵo[5]: Bona intenco[6] ne ĉiam renkontas komprenon.

Esperantigis: *J. Tomíŝek*

1. ŝarĝ'besto kun longaj oreloj/ 2. opinias ion vera sen havi pruvon/ 3. konscias pri ies graveco aŭ valoro/ 4. kiun oni timigis/ 5. la morala instruo de fablo (fabelo pri bestoj)/ 6. volo aŭ deziro.

# kiel ni mortigadis leporon[1] por la antaŭ-kristnaska vespera manĝo



## II. LOĜEJO KIEL BATAL'KAMPO

El *„Paŝoj al plena posedo"* de W. Auld

Post plua horo da batalo, estis mallonga ripozo, kiun frukt'uzis ankaŭ la leporo. Ĝi troviĝis en angulo, moke vidigis la dentojn kaj star'sidis. Mi ne povis toleri[2] tion. Mi de-nove ĵetegis, kontraŭ ĝi, la viando-pistilon. Ĉi-foje, detruiĝis[3] nur la vitro de la libro-ŝranko.

La batalo ree komenciĝis; sed baldaŭ montriĝis, ke ĉiuj disponeblaj[4] bataliloj (tio estas: balailo, bros'balailo, resto da tranĉiloj kaj viandopistilo) ne sufiĉas.

Subite, savo-porta ideo venis al mi: mi kuris en la alian ĉambron, kaj al-portis al la patro paf-ilon, por ke li mortigu la leporon tia-maniere. La patro tuj ek-celis; sed poste, li ŝanĝis sian decidon, kaj donis al mi kapo-frapon. Kaj kiam li ek-vidis, ke la leporo, inter-tempe, en-kuris en la alian ĉambron (ĉar mi lasis la pordon malfermita), mi ricevis duan kapo-frapon. Jen: tiel la mondo rekompencas[5] . . .

Nun, la batalo trans-portiĝis en la grandan ĉambron. Tio estis granda avantaĝo[6] . . . por la leporo, kompreneble. Ĉi tie, ĝi trovis multe pli da ebloj, por sin ŝirmi; kaj estas necese al-doni, ke ĝi uzis ilin rimarkinde. Iom post iom, la situacio fariĝis sen-espera. Jam



estis la naŭa horo, vespere; kaj ni ankoraŭ sen-ĉese ĉas-peladis la leporon, kiu kontraŭ-staris al sia fatalo[7].

La patro, intertempe, rompis ĉiujn tranĉilojn, kaj komencis ĵetegadi, post la leporo, diversajn aĵojn: paper'peziloj, cindrujoj[8], ŝuoj kaj inkujoj[9]. Kelkajn el tiuj aĵoj li sukcesis detrui komplete[10], aliajn nur parte.

La pelado denove ĉesis, ĉar estis necese re-kolekti la fortojn, eble jam por la fina decida batalo. La nuna stato de la batalo estis la jena:

*A)* La leporo: viva kaj sana; perdoj: neniaj.

*B)* Nia familio:



1. *hom'perdoj:*
   *a)* la frato Fabiano, intertempe, re-konsciiĝis; sed — vidante, ke la batalo furiozas[11] sur alia fronto[12] (en la granda ĉambro!) — li uzis la okazon kaj el-trinkis du-onan botelon da likvoro[13] de la patro. Por plua batalo, li estis malkapabla.
   *b)* la aveto, ĝis nun, ne rekonsciiĝis.
2. *materialaj perdoj:*
   *a)* du fenestroj kaj la vitro de la libroŝranko estas frakasitaj; kvin tranĉiloj: rompitaj; kvar cindrujoj, paperpeziloj, unu seĝo kaj unu brosbalailo komplete aŭ parte detruitaj.
   *b)* pluraj perdoj: la ĝenerala stato de ambaŭ ĉambroj estas katastrofa. Estos necese alvoki ĉambro-pentriston, plankiston, tapetiston[14] kaj mebliston.

Post rekomenco de la batalo, plenumiĝis la sorto de dek-duo da desert'teleroj[15] (la edziniĝ'dotaĵo[16] de la patrino), kiujn la avineto ĵetegadis al la leporo same kiel diskojn[17]. La patrino renversis la Kristnaskan arbeton, kiu ek-brulis. La batalo venis al sia kulmino. Laŭ ordono de la batal'estro (= la avineto), mi malfermis la pordon al la kuirejo. La leporo ne antaŭ-vidis ruzon, kaj ĝi enkuris en la manĝaĵ'preparejon — sed, ho ve!

La afero finiĝis tute alie ol ni atendis. Nome, iu subite ekfrapis

*(Daŭrigo sur la 10-a paĝo)*

*Ludmila Jevsejeva*

## PRINTEMPA FEBRO[1]

Freŝ'lavita[2] paŝas marto,
laŭ senneĝaj stratoj.
Tutan nokton, sur tegmentoj,
serenadas[3] katoj.

Elokvente[4] ĉirpas[5] birdoj,
en ĉiela halo[6].
Ĉiu bubo[7], en lernejo,
revas pri futbalo.

Eĉ pedanta[8] instruisto,
magra[9] kiel kulo[10],
zumas[11] gajan melodion[12]
ĉe la klas'tabulo.

Estas klare, ke ne eblas –
dum printempa febro –
sin okupi pri fiziko,
lingvoj kaj algebro.

*Romano Grinŝpan*

## PLORU ETULO NUR LAŬ REGULO

Ploras, eĉ ploregas bebo[13] en liteto,
spekti[14] tele'filmon mankas do kvieto.
Al patrin' demandas la tri-jara filo:
„Kie estas beba – laŭto-regulilo?"

●

1. alta temperaturo de la homa korpo / 2. kion oni jus lavis / 3. nokte prezentas am'kanton por fraŭlino / 4. elokvento: kapablo paroli bele kaj trafe / 5. kantas birde / 6. ĉi tie: la tuta sub'ĉiela naturo / 7. knabo / 8. severa, preciza / 9. maldik•ega / 10. insekto, kiu dolorige pikas / 11. murmuras kiel insekto / 12. muziko de kanto / 13. suĉ-infano / 14. rigardi prezentadon.

je la pordo; kaj, antaŭ ol ni povis iel re-agi, la pordo malfermiĝis, kaj antaŭ niaj okuloj ek-aperis la najbarino, sinjorino Nováĉková. „Bonan vesperon, feliĉan kaj gajan Kristnaskon — kaj sanon, ĉefe sanon, ĝi estas la plej grava", babilaĉis la najbarino ĉe la pordo. Pro surprizo, ni ne estis kapablaj ek-protesti.

Ankaŭ la leporo atenteme aŭskultis; sed vidante ke, ĉi tie, ĝi ek-scios nenion novan, ĝi uzis la okazon, pro la malfermita pordo, kaj definitive en-ter'igis niajn esperojn pri lepora rostaĵo. La patro terure sakris kaj, poste, sin ĵetis kontrŭ sinjorino Nováĉková; sed ŝi antaŭ-vidis la danĝeron kaj rapide for-kuris. Tiam la patro — por kontentigi sian koleron — donis al mi du kapofrapon, ek-insultis ĉiujn ceterajn, kaj for-iris en restoracion, por vesper'manĝi tie.

Laŭ *Vladimír Vána* (:vanja)

(Daŭrigo sekvos)

●

1. rapid'kura besto kun longaj oreloj/ 2. el-teni, el-porti ion, ekz. mokon/ 3. detrui: neni-igi, difekti/ 4. haveblaj ĉe-mane/ 5. dankas pro; pagas por io/ 6. prefero; pli bona ebleco ol la antaŭa/ 7. ne-evit'ebla sorto/ 8. cindro: brul'restaĵo de karbo, ligno k.t.p./ 9. inko: kolora fluaĵo, per kiu oni skribas aŭ presas/ 10. plene, sen-manke/ 11. atingas la pinton de kolero/ 12. loko, kie interpuŝiĝas militantaj soldatoj/ 13. dolĉa, ebriiga trinkaĵo/ 14. tapeto: murpapero/ 15. deserto: lasta manĝo-parto (fruktoj, kukoj k.t.p.)/ 16. dotaĵo: por-ĉiama ricevaĵo okaze de edzin'iĝo/ 17. rondaj plataj sportiloj/

# *WILLIAM AULD*



*William Auld (:ŭiljem old), anglo, el-stara poeto[1] kaj redaktoro de nia kulturmovado. „La Infana Raso", la „Esperanta Antologio[2]" kaj la „Paŝoj al plena posedo" estas liaj plej famaj verkoj.*

## Esperanto signifas por mi...

Esperanto estas la sola lingvo, per kiu mi povas sen-ĝene[3] (kaj sur egala neŭtrala[4] bazo[5]) inter-ŝanĝi ideojn kaj spertojn — ĉu parole, ĉu skribe — kun homoj en la tuta mondo.

Se mi volas uzi, tiu-cele, mian de-naskan lingvon — la *anglan* — mi estas ĝenata per regionaj[6] dialektoj[7] kaj per la fakto, ke fremd'landano ne posedas la anglan sufiĉe bone, por kompreni min, se mi parolas normale[8], tio estas: rapide kaj idiotisme.[9] Mi tro konscias pri *lia* lingva malsupereco.

Se mi volas uzi, tiucele, la lernitan *francan* lingvon, mi estas ĝenata per mia stumbla,[10] tre malperfekta posedo de tiu lingvo, per mia ne-indiĝena[11] prononcado[12], kaj per la limoj de mia vortara stoko[13]. Mi tro konscias pri mia lingva malsupereco.

Kiam ni uzas, tiucele, *Esperanton,* ni ambaŭ uzas lingvon „fremdan", do ni renkontiĝas sen lingvaj antaŭ-juĝoj. Cetere, Esperanto estas la sola lingvo, kiun *ĉiuj personoj* kapablas al-propr'igi perfekte (se ili tion nur deziras), pro la fakto, ke ĝi estas — kompare kun ĉiuj aliaj lingvoj — *pli facila* kaj, antaŭ ĉio, *regula.*

Pere de Esperanto, mi povis konstati propra-sperte, ke la homoj ĉie estas homoj. Esperanto estas la sola, vere efika ŝlosilo al internacia amikeco kaj inter-kompreniĝo. Bona volo kaj bona intenco[14] kapablas multon; sed nur komuna lingvo ebl'igas fundan intimecon[15].

Esperanto estas ankaŭ la lingvo de mia krea verkado, la esprimilo de miaj esperoj kaj kredoj.

*William Auld*
*Skot'lando, aprilo 1974.*

1. verkisto de versaj verkoj/ 2. literatura kolekto/ 3. ĝeni: mal-help'eti/ 4. tia, ke ĝi preferas neniun/ 5. fundamento/ 6. regiono: land'parto/ 7. regiona lingvaĵo/ 8. ordinare, laŭ-kutime/ 9. en dialekto/ 10. stumbli: fal'eti/ 11. indiĝeno: homo, kiu loĝas de-naske en la sama loko/ 12. elparolo/ 13. tuto da varoj, da vortoj k.t.p./ 14. volo, deziro/ 15. intima: proksima laŭ animo.

# enigmo

## PRI CIFEROJ[1]

La ricaĵo de Pedro ne estis komparebla kun tiu de la plej populara[2] kantisto; male, verdire, ĝi similis pli al tiu de preĝeja muso. Tial, li aĉetis loterian[3] bileton, por, se eble, rapide riĉiĝi. Kredu aŭ ne kredu al mi — li gajnis la *unuan* premion! Nun, Pedro havas pli da mono ol li bezonas; sed li estas malfeliĉa, ĉar li ne scias, kion fari per tiom da mono.

Li grand'anime proponas dis-doni er'eton da *sia riĉaĵo al bon'koraj homoj*, kiuj konsilos al li, kion fari per la mono. Ĉu vi volas helpi al li? Li metas al tio nur unu kondiĉon: divenu la numeron de lia ses-cifera loterio-bileto, laŭ la jenaj indikoj[4]:

1. La sumo[5] de la ciferoj en la numero estas 34.
2. La numero enhavas kvar ne-parajn[6] kaj du parajn[6] ciferojn.
3. La numero konsistas el tri diversaj ne-paraj, kaj el du diversaj paraj ciferoj.
4. En la numero mankas, krom aliaj, la ciferoj 0 kaj 2.
5. La plej malalta sumo de du najbaraj ciferoj estas 5.
6. La plej malalta sumo de du ciferoj, laŭplaĉe prenitaj[7], estas 5.
7. La plej alta sumo de du najbaraj ciferoj estas 15.
8. La plej altan sumon de du ciferoj formas la unua kaj la lasta ciferoj, kaj nur ĝi superas la sumon de du najbaraj ciferoj (vidu la punkton 7!).
9. Ambaŭ paraj ciferoj kuŝas simetrie[8] al la mezo de la numero; ili do estas: aŭ la unua kaj la lasta, aŭ la dua kaj la kvina, aŭ la tria kaj la kvara.
10. Inter la ciferoj troviĝas duopo, formita laŭ kreskanta vico ekzemple: 23 aŭ 34 aŭ 45.

La numeron de la loterio-bileto, kaj la konsilojn pri la plej bona uzo de la mono, bonvolu sendi, antaŭ la 15-a de aprilo 1975, al s-ro Dieter Berndt, Berolinastr. 2., DDR—102 Berlin, GDR.

1. skribo-signoj de nombroj/ 2. tia, ke ĉiu konas lin aŭ ŝin/ 3. loterio: ludo, per kiu iuj homoj gajnas multan monon/ 4. precizaj konigoj aŭ informoj/ 5. ekzemple: la sumo de 2 + 3 estas 5/ 6. para: nombro kiel 2,4, 6 k.t.p./ 7. kiujn oni prenis/ 8. egal'distance.



# interesaĵoj



### URBO SUB TENDO

*En nord'orienta Siberio, kurioza[1] urbo estas konstruata[2]. La konstruistoj starigos, super la urbo, grandegan tendon el plasto[3], por ke la en-loĝantoj estu ŝirmataj kontraŭ la terura[4] malvarmo. La planistoj zorgas pri ĉio necesa: naĝejo, biblioteko[5], hotelo, vendejoj k.t.p. Oni mildigos[6] la vintran temperaturon de —40 ĝis —50 gradoj[7] je agrabla printempa vetero (+5 gis +20° C).*

### LAMPO EL FIŜO



Eŭlakeno estas la nomo de fiŝoj, kiuj vivas en la oceano Pacifiko, ĉe la bordoj de Suda Ameriko. Indianoj[8] ĉasas ĝin ne por manĝi, sed por lumigi, per ĝi, sian loĝejon. Kiel? Tiu fiŝo estas tre grasa. La indianoj sekigas ĝin, poste ili tra-tiras meĉon[9] tiel, ke ties fino iom el-pendas el la korpo; kaj jen: la „lampo" estas preta.

### ŜARKO[10] KAJ OMBRELO[11]

*Konata[12] esploristo de mar'profundaĵoj, la aŭstro* Hans Hass, *multe eksperimentis,[13] por ekscii, per kio oni povas for-timigi ŝarkojn. El ĉiuj timigiloj, la plej efika montriĝis: brune flava ombrelo! Oni devas nur malfermi ĝin, fronte[14] al la proksimiĝanta mara rabo-besto, por devigi ĝin al fuĝo[15].*



1. ne-ordinara/ 2. kion oni nun konstruas/ 3. arta materio/ 4. timige forta aŭ granda/ 5. librarejo/ 6. igos ion malpli forta/ 7. ŝtupetoj, paŝetoj sur, ekzemple, mezuriloj/ 8. pra-loĝantoj en Ameriko/ 9. lampo-ŝnuro/ 10. danĝera rabofiŝego/ 11. malgranda kontraŭpluva ŝirmilo/ 12. kiun oni konas/ 13. faris sciencajn provojn/ 14. ale al; turnante al/ 15. forkuro por sin savi.

# KASTORA LETERO
## De J. H. SULLIVAN

*Miaj karaj Kastoroj!*

*Antaŭ ĉio, permesu, ke mi sendu al ĉiu membro de la Kastora Klubo de Esperanto miajn plej varmajn salutojn kaj bon'dezirojn por la Nova Jaro! Mi esperas ke, por ĉiu el vi, la jaro 1975 al-portos sanon, feliĉon kaj sukceson.*

*Nun mi havas, por vi, verkaĵon de du 14-jaraj Arĝentaj Kastoroj en Francio. Mi esperas, ke vi trovos ĝin interesa.*

### KIEL VIVIS LA FRANCA REĜO EN LA JARO 1682

La domo de la reĝo troviĝis en *Versailles* (:versaj), apud *Parizo*. Ĉirkaŭ kampara ĉas'domo, la reĝo konstruigis grandan kastelon[1], kie li loĝis kun sia familio kaj siaj kort'eg'anoj.

Matene, li el-iris el la lito, je la 8-a horo kaj, tiam, okazis ceremonio[2]. La princoj[3] kaj la favorataj[4] korteganoj havis la grandan honoron[5] ĉeesti la ellit'iĝon kaj la tualeton[6] de la reĝo. Post tio, la reĝo iris en sian kabineton[7], por paroli kun kelkaj ministroj.[8] Poste, li vizitas la preĝejon. Post la Di'servo, li prezidis[9] kun-venon dum du aŭ tri horoj. La tag'manĝo de la ordinaraj tagoj estis servita al li sola, aŭ kelka-foje, ankaŭ al la reĝino *Maria-Tereza* el Hispanio, en la ĉeesto de kelkaj „granduloj".

La pladoj[10] al-venis eskortataj[11] fare de gardistoj. Tiam la reĝo okupis sin nur pri la manĝo, kaj li ne multe parolis. En la tagoj de solenaj[12] manĝoj (tio estis: en dimanĉoj kaj festo-tagoj), la korteganoj kaj eĉ la publiko rajtis ĉeesti.

Posttag'meze, la reĝo promenis per kaleŝo.[13] Poste, li akceptis siajn gefilojn, ree iris al sia kabineto, kaj tie restis longe, parolante al siaj ministroj.



Vespere, li manĝis je la 10-a horo, kune kun elegantaj virinoj, kaj li laŭdegis iliajn vestojn. Poste, la reĝa familio restadis en la salono[14], aŭskultante muzikon de *Lully*[15]. Dum tiu tempo, la korteganoj iris ludi per lud'kartoj kaj, ofte, ili perdis multe da mono.

Poste, la reĝo en-litiĝis kaj, ĉiu-tage, unu el la korteganoj klopodis havi la honoron teni kandelingon[16], dum la reĝo preĝis kaj iris en la liton.

Nun-tempe, oni povas viziti la kastelon, kie vivis *Ludoviko la XIV-a*, la franca *„Sun-reĝo”*.

*M.K. GOT kaj K. KIEFFER (Francio)*

NIAJ PROMOCIITOJ[17]:

Post la verko-dato de la antaŭa numero de JUNA AMIKO, kaj ĝis la fino de julio 1974, la jenaj membroj atingis pli altan gradon[18] de membreco.

*FARIĜIS ORAJ KASTOROJ:*

Rumen BUROV
Georgi TOŜKOV
Coko DIMITROV
Georgi ĴIVKOV
Toŝin PETKOV
Cecka VLADIMIROVA
Penka GEORGIEVA
Krasimir GEORGOV
Velislav ILIEV
Liljana MLADENOVA
Pepa VLADIMIROVA
Kamelija ENĈEVA*
*Ŝi estas nur 8-jara!
Ĉiuj en VRACA, *Bulgario.*

*FARIĜIS ARĜENTA KASTORO:*

Désirée VOGELZANG, en Paterswolde, *Nederlando.*

*FARIĜIS BRUNAJ KASTOROJ:*

Hideki TANII, Osami ŬADA, Aiko HAGIHARA, Ŝumiko JOKOJAMA. Ĉiuj en Osaka, *Japanio;* Marika NIJMAN, Anne R.v.d. MEER. Ambaŭ en Groningen, *Nederlando.*

POR NE-KASTOROJ:

Se vi deziras an'iĝi al la *Kastora Klubo de Esperanto,* petu informon de la *Ĉefa Kastoro*, 3 Berwick Avenue, URMSTON, Manchester M31 1PS, *Anglio.*

Se vi deziras havi „onklon” aŭ „onklinon”, plen'kreskulon, kiu korespondos kun vi en Esperanto, skribu al *Geonkloj Esperantistaj* ĉe la sama adreso.

GRAVAJ NOTOJ:

(a) La aĝo-limo por ambaŭ servoj estas 16 jaroj.

(b) Nek *Kastora Klubo de Esperanto,* nek *Geonkloj Esperantistaj* per-adas korespondadon.

(c) Se vi loĝas en lando, kie respond'kuponoj estas haveblaj, bon'volu sendi tian, kiam vi skribas al la Ĉefa Kastoro.

1. tre bela domego/ 2. speciala maniero por agadi/ 3. reĝidoj/ 4. plej ŝatataj/ 5. distinga rajto pro merito/ 6. sin-lavo, sin-vesto k.t.p./ 7. ĉambro por interparoli kaj labori/ 8. superaj oficistoj de ŝtato/ 9. estris kun-sidon/ 10. grandaj teleroj/ 11. akompanataj/ 12. ceremoniaj, festaj/ 13. bela veturilo/ 14. bela ĉambrego/ 15. J.B.Lully: franca muzik'verkisto 1632—87/ 16. tenilo por lumiloj/ 17. homoj, kiuj rang'altiĝis/ 18. ŝtupo en rango.

# VORTO-ĈENO — VORTO-ĈENO

Tut'certe, multaj konas ĉi tiun ludon en sia nacia lingvo. La ludantoj sidiĝas, kaj iu el ili diras vorton, ekzemple: „homo”. La apuda ludanto devas rapide elpensi vorton kun komenca sono: *m*, ekzemple: „morgaŭ”. La tria ludanto daŭrigas la ĉenon per *aŭ*, ekz.: „aŭtuna”. La ĉeno neniam devas rompiĝi. Post la lasta ludanto en la vico, venas la unua. Tiu, kiu ne povas daŭrigi la ludon, donu garantiaĵon,[1] kiu, poste, estos el-aĉetebla per kanto aŭ deklamo[2] aŭ ŝerca rakonteto k.t.p.

Ĉar la vortoj en Esperanto preskaŭ ĉiam finiĝas per *a, e, i, o, u (as, is, os, us)*, oni povas konsideri nur la radikon!

Ekzemploj pri vortoĉenoj

(*a*) Tab*l*o — lam*p*o — ple*j* — ju*n*a — nu*n* — no*v*a — vila*ĝ*o — ĝ*i* — intere*s*e — se*m*i — mon*t*o — tu*t*a — toma*t*o — ti*r*i — rapi*d*a — k.t.p.

(*b*) Tab*lo* — lo*ko* — komi*ka* — kame*lo* — lokomotivi*sto* — sto*plo* — plo*ri* — ri*di* — diaman*ta* — ta*ge* — gea*voj* — voje*to* — tola*ĵo* — ĵo*keo* — k.t.p.

Vorto, kiu jam partoprenis en la ĉeno, ne povas reveni, eĉ per ruza ŝanĝo de la finaĵo. Sed afiksoj (ekz. *ge-, bo-, mal-, -in, -ul* k.t.p.) estas akcepteblaj.

1. havaĵo, kiun oni donas por-tempe, anstataŭ mono/ 2. bel'voĉa prezento de versaĵo.

## Ĉion per unu!

*Jen estas 10 malgrandaj desegnaĵoj. Ĉiu el ili prezentas agon, kaj oni povas esprimi ĉiun agon per vorto de la sama vort'radiko. Pri kiu radiko temas, kaj kiel vi esprimus la diversajn agojn per tiu radiko?*

(Solvo sur la 23-a paĝo.)





# TRAGEDIO[1] en la UNIVERSO[2] 2.

VERKIS: JUNAJ ZAGREBAJ ASTRONOMOJ[3]
DESEGNIS: Z.VA'MOS (VAMOŜ)

TRI ASTRONAŬTOJ[4] (ASTRONOMO, BIOLOGO[5], GEOLOGO[6]) LOĜANTOJ DE LA PLANEDO[7] RACIO, 'EN LA SISTEMO[8] DE LA STELO ALFA CENTAŬRI, POST LONGA SPAC[9]VETURO, VENIS AL LA TERO.




15
JEN ESTAS LA ŜLOSILO...
6 NOVEMBRO 1974
16
NI KONSTATIS DEFINITIVE[10] KE LA EKSTERA RADIADO SUPERAS KELKOBLE LA MORTIGAN DOZ[11]LIMON
17
INFORMU LA LOĜANTARON!
KUN GRANDA ŜPAREMO, NIAJ PROVIZOJ[12] SUFIĈOS POR UNU JARO.
18
ADMINISTREJO
"...ĜIS TIAM, SUR-TERE, RE-FARIĜOS NORMALAJ[13] CIRKONSTANCOJ[14]. ESTU TRANKVILAJ! TAGA AKVOPORCIO[15]: UNU LITRO POR UNU PERSONO. LA ELEKTRO ESTOS MALŜALTATA[16] DE LA 20-A ĜIS LA 8-A HOROJ."
1 JANUARO 1975
19
20
Adiaŭa letero
Estas superflue trompi[17] nin plue. Vivo post ĉiam ĉesis sur la Tero. Ni ne plu havas forton elporti la plej grandan krimon[18], kiu pezas sur ni ĉiuj: ni neniigis la Vivon en la Universo.
Murdisto[19]




1. tre malĝoj'iga okazaĵo/ 2. la sen-fina spaco/ 3. scienculoj pri la steloj/ 4. veturantoj en la spaco/ 5. scienculo pri vivaj estaĵoj/ 6. scienculo pri ĉielkorpoj/ 7. ĉielkorpo kiel la Tero/ 8. ĉi tie: aro da planedoj ĉirkaŭ stelo/ 9. faktoj, kiuj pruvas ion/ 10. tiel, ke duboj ne plu ekzistas pri io/ 11. dozo: unu-foja preno da ekz. re-sanigilo/ 12. io, kion oni konservas por uzi poste/ 13. kutimaj, ordinaraj/ 14. kondiĉaro/ 15. iomo por unu persono/ 16. oni malfunkciigos/ 17. kredigi al, mensogi al/ 18. kulpego pri mortigo/ 19. homo, kiu mortigis homon/ 20. manĝaĵo.

# Ĉ O F F O Ĉ
# J I R R I J

Multaj junuloj deziras skribi al siaj amikoj tiel, ke neniuj aliaj personoj povu kompreni ilin. Kun tia celo, oni el-pensas sekretajn alfabetojn, kiujn oni nomas: ĉifroj.

Unu speco de ĉifroj uzas „literojn", kiuj ne ekzistas en la alfabeto de la gepatra lingvo. Sed, ĝenerale, estas malfacile elpensi kaj memori novan alfabeton. Tre ofte, oni uzas la normalan[2] alfabeton, sed ŝanĝas la son'valoron de la literoj. Ekzemple, skribante *B*, oni pensas pri *A;* skribante *L*, oni sub-komprenas *K* k.t.p. Se oni listigas la vokalojn[3] aparte, kaj uzas, ekzemple, la ĉifron: +1, la novaj vortoj estas eĉ legeblaj. Provu solvi, ekzemple, la jenon:

*Ĵape Enolu iŝveŝ zoe ĝebivu. Miĝa leĵ rsureĝepfa hop!*

Alia ebleco estas: skribi la alfabeton en formo de kvar-angulo, kaj uzi por ĉiu litero du signojn. La alfabeto de Esperanto, kiu havas 28 literojn, povas esti metita[4] en ort'angulo[5] de 4×7 unuoj:

| | 1 | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 | 7 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | *a* | *b* | *c* | *ĉ* | *d* | *e* | *f* |
| 2 | *g* | *ĝ* | *h* | *ĥ* | *i* | *j* | *ĵ* |
| 3 | *k* | *l* | *m* | *n* | *o* | *p* | *r* |
| 4 | *s* | *ŝ* | *t* | *u* | *ŭ* | *v* | *z* |

Laŭ tiu tabelo, ESPERANTO estas skibita jene: 16, 41, 36, 16, 37, 11, 34, 43, 35. Anstataŭ ciferoj[6], oni povas uzi ankaŭ aliajn signojn. Avantaĝo[7] de *tiu ĉi sistemo*[8] estas: malmulto da signoj; malavantaĝo: la longeco de la teksto.[9]

En la ĉi-supraj sistemoj, unu signo ĉiu-foje anstataŭas la saman literon de la alfabeto. Tial, se iu rekonas vorton, la de-ĉifrado estas facila.

Por eviti tion, oni ofte uzas kodon.[10] Se, ekzemple, oni ĉifras la vorton ESPERANTO per la kodo: +1 (antaŭen), —1 (malantaŭen), ek-estas la formo: FRRDSZOŜP (F anstataŭ, E, R anstataŭ S, R anstataŭ P k.t.p.), en kiu la sama litero povas aperi sub malsamaj literoj, laŭ la kodo. Kaj la kodo povas esti ankoraŭ pli malsimpla.

Oni povas ĉifri tekston ankaŭ per speciala masko.[11] Plej bone taŭgas kvadrata masko. Vidu tian ĉi-sube! En ĝi, ekzemple, troviĝas 9 truoj. Se oni turnas la maskon, kvar-foje, ĉirkaŭ ties meza punkto, la sub-maska

## Per Esperanto en la ĵamboreo

La plej gravaj okazaĵoj, en la skolta vivo, estas la „ĵamboreoj", la tut'mondaj skoltaj kun-venoj. Ili ripetiĝas en ĉiu kvara jaro. La *14-a Ĵamboreo* okazos inter la 29-a de julio kaj la 7-a de aŭgusto 1975, apud la norvega urbo *Lillehammer*.

La *Skolta Esperanto-Ligo* (SEL), kiu faros ekspozicion kaj helpos en interpretado[1] k.t.p., turnas sin al ĉiu, kiu lernas Esperanton kaj partoprenos en la *14-a Ĵamboreo*, sendu sian nomon kaj adreson al *s-ro John Berggreen*, Brattvollveien 23 c, OSLO 11. *Norvegio.*

1. rekta buŝa tradukado de fremd'lingvaj paroloj.

papero pleniĝas per sin-sekvaj literoj; kaj ili estos legablaj nur per tiu sama masko. Ekzistas tre multaj variacioj[12] de maskoj. Vi mem povas elpensi aliajn.

Fine: Ĉu vi sukcesos deĉifri la du simplajn ĉi-sekvajn ĉifrojn?

1. *im salutarg, niv. iv satse atrel irp odarfiĉed. ubirks la ain oserda.*
2. *k a r i s d e b n b j*
   *j i c o o c e j i o n*
   *v e v n a l a l d*

*J. Chvosta* (:ĥvosta)

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| A | J | P | S | N | E |
| K | K | P | A | Ŝ | E |
| R | O | T | V | I | I |
| E | I | N | S | S | V |
| I | U | Ĉ | B | O | I |
| M | O | J | A | N | N |



1. sekretaj alfabetoj aŭ skriboj/ 2. ordinara; tia, ke ĉiu konas ĝin/ 3. la literoj: a, e, i, o kaj u/ 4. oni povas meti ĝin/ 5. speciala kvar-angulo; tia, kia estas ekz. paĝo/ 6. skribo-signoj de nombroj/ 7. tio, kio donas ian superecon aŭ pli grandan gajnon/ 8. regula aro da signoj/ 9. lego-materialo/ 10. „ŝlosilo" por ĉifri, por tarasskribi per ĉifroj/ 11. kovraĵo el papero/ 12. aliaj ĝustaj aranĝoj.

ATENTON! Nova adreso de la redaktisto:

*S-ro Géza Kurucz,* Hitel u. 10. fszt. 16., H—6000 KECSKEMÉT, *Hungario.*

Ne forgesu pri nia granda festo: la Semajno de Internacia Amikeco (S. I. A.), kiu daŭros, en la nuna jaro, de la 17-a ĝis la 24-a de februaro Okaze de S. I. A., salutu viajn leter'-amikojn, kaj partoprenu solenan[1] kun-venon de loka Esperanto-grupo!

Amikeco trans limoj

## *PROVERBOJ*

*Du kontraŭ unu prezentas armeon[2].*
*Kion koro portas, vizaĝo raportas.*
*El multaj mil-onoj fariĝas milionoj.*
*Ne helpas ploro al doloro.*
*Pli bona estas vorto afabla, ol kuko agrabla.*

1. ne-ordinara, festa/ 2. milit'ist'aro.

*LA RUBRIKON[1] GVIDAS:*

*Josef Chvosta* (:ĥvosta)
Engelsova 289
290 01 PODĚBRADY
*Ĉeĥoslovakio*

*Sendu ĉiun korespondaĵon rekte al tiu adreso!*

# Klubo de Legantoj

Multaj amikoj ankoraŭ ne scias, por kio ni fondis la *Klubon de Legantoj de Juna Amiko* (KLJA). Jen, mi respondas al vi mallonge:

● Multaj el niaj amikoj ĵus komencis lerni Esperanton; sekve, ili ankoraŭ havas lingvajn malfacialaĵojn. Dum lerno-horo, mankas tempo por paroli pri ĉio, kio estas interesa en *Juna Amiko*. Tion vi povas fari aparte, en amika rondo. Tia grupa kun-veno ebl'igas ankaŭ aliajn amuzaĵojn. Do: ne hezitu[2]; ankaŭ *vi* fondu KLJA! Skribu al mi, kaj vi ricevos la necesajn informojn.

● Eble, en via lernejo, ekzistas mur'gazeto. Sed, ĉu vi pri-pensis el-doni gazeton por la ceteraj Kluboj? Sufiĉas kvar paĝoj, en la formato[3] de *Juna Amiko*. Provu plenigi tiujn kvar paĝojn per interesa materialo, kaj sendu la kopiojn al ni kaj al la frataj Kluboj!

● Konkurso por KLJA kaj la ceteraj fidelaj legantoj: Serĉu la ĝustajn informojn (B) al la nomoj (A)!

1. A Cristobal Colón
   B *pri-skribis, en sia verko, „Miliono", mez'epokan vojaĝon tra Mongolio, Ĉinio kaj Japanio.*
2. A Fernao de Magelhaes
   B *unua-foje ŝip'veturis en Hindion, preter Suda Afriko.*
3. A Marco Polo
   B *estis germana religia reformisto.*
4. A Amerigo Vespucci
   B *unua-foje tra-veturis Atlantikon kaj trovis Amerikon.*
5. A Mohendas Karamĉand Ghandi
   B *estis fama ŝtatestro en Meksikio.*
6. A Ubul Kassim
   B *estas la fondinto de la budhisma religio.*
7. A Martin Luther
   B *estas la solvinto[5] de egiptaj hieroglifoj.*
8. A Jean François Champollion
   B *latine: Avicena, estis mezepoka kuracisto, politikisto kaj filozofo.*
9. A Napoleon Bonaparte
   B *nomata Mahometo, estas la fondinto de la islama religio.*
10. A Ibn Sina
    B *faris, en 1519, rond'vojaĝon ĉirkaŭ la mondo.*
11. A Vasco de Gama
    B *estis estro de hindaj popoloj.*
12. A Benito Juarez
    B *priskribis la „novan mondon", kiu poste ricevis lian nomon.*
13. A Siddharta Gautama
    B *estis franca militestro kaj imperiestro.*

Sendu viajn solvojn ĝis la 1-a de majo 1975. Ĝustajn solvojn ni premios per belaj bild'kartoj.

1. parto aŭ angulo en gazeto/ 2. ne malkuraĝu/ 3. longeco kaj larĝeco de paper'folio/ 4. kiu fondis/ 5. iu, kiu solvis problemon.

● Du junaj italaj fratinoj deziras korespondi kun geknaboj el la tuta mondo. Ili kolektas poŝtmarkojn kaj bildkartojn, kaj interesiĝas pri muziko. Skribu al: *Alessandra Piangatelli*, Via Comunale S. Mauro 314, Casella Postale 14, I—47023 CESENA (Forli), *Italio.*




● 16-jara lernantino, kiun interesas moderna muziko, matematiko, literaturo kaj turismo, deziras korespondi en Esperanto. Leterojn adresu al *Eva Wolf,* Hartmannstr. 12, 99 PLAUEN, *Germana Demokratia Respubliko.*

● 14-jara knabino deziras korespondi pri futbalo kaj aliaj temoj. Adreso: *Judit Markó,* Kossuth L. u. 3, H—7818 MÁRIAGYŰD, *Hungario.*

● *Audroni Juodvalkyti,* Daunkanto 24—7, SU—233000 KAUNAS, *Litova SSR,* 16-jara knabo serĉas kontakton kun eksterlandanoj. Li kolektas bildkartojn, insignojn kaj gramofonajn diskojn.

● Juna lernantino de Esperanto deziras korespondi kun 11- ĝis 13-jaraj lernantoj. Adreso: *Ana Guerrero,* c/Ignacio de Ros N° 20 3°2ª, BARCELONA 16, *Hispanio.*

● Se vi kolektas Esperanto-insignojn kaj se vi deziras interŝanĝi tiajn tutmonde, skribu al s-ro *Vláďa Hasala,* CS—696 11 MUTĚNICE 687, *Ĉeĥoslovakio.* Li donos al vi pliajn informojn.

*Ĉion per unu!*

1. Kelnero *dis*-metas manĝilojn. 2. Li *de*-metas sian vivon. 3. Li *sur*-metas boton. 4. Ŝi *antaŭ*-metas kukojn al gasto. 5. Li *en*-metas libron en tekon. 6. Ĉasisto *al*-metas plumon al la ĉapelo. 7. Ili *kun*-metas tendon kaj foriras. 8. Li *el*-metas sin al danĝero.

JUNA AMIKO
Sub aŭspicio de ILEI
Internacia Lerneja Esperanto-Revuo
de la Hungara Esperanto-Asocio (H—1368 Budapest 5. Pf. 193.) Respondeca redaktoro: J. MÁTÉFFY. Redaktoro: GÉZA KURUCZ. Kunlaborantoj: *D. Berndt* (GDR), *M. Boulton* (Anglio), *J. Chvosta* (Ĉeĥoslovakio), *As. Grigorov* (Bulgario), *L. Jevsejeva, B. Kärt* (Sovetunio), *U. J. Moritz* (GFR), *R. Okumura* (Japanio), *G. Ősz* (Hungario), *B. Ragnarsson* (Islando), *Z. Rehoriĉ* (Jugoslavio), *J. H. Sullivan* (Anglio), *M. Turin* (Francio), *J. Zágoni* (Rumanio). Grafikistoj: *J. Klement* (Ĉeĥoslovakio), *S. Plugor* (Rumanio), *E. Váli, Z. Vámos* (Hungario). Lingva revizio: *A. Lienhardt* (Francio), *A. Pechan* (Hungario).
Kiadói Főig. engedély száma: 93 010/74.
74.4182 Dürer Nyomda, Gyula

